1a Jaro — No 5 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 1 Marto 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

# Tempo de Scio



En lastempe aperinta verko esperantlingva, kies mensoga titolo tekstas jene : « Universala historio », la aŭtoro interalie kontrastas la Tempon de dio (kun malgranda « d ») kun la Tempo de Scio (kun granda « S »). Por la malamikoj de la katolika Eklezio, la scienco restas ĉiam la kontraŭulo de la religio. Eĉ kiam iu pretendas, esti historiisto ! Niaj malamikoj tute ne kapablas malfermi la okulojn, por vidi la veron. Tamen ĉu estas ne multnombraj la scienculoj, veraj scienculoj, kiuj estis samtempe praktikantaj katolikoj ? Ĉu en multaj epokoj nur la Eklezio ne estis rifuĝejo por la vera scienco ? Ĉu en ĉiuj jarcentoj Katolikismo ne estis la instiganto kaj protektanto de ĉiuj sciencoj ? Sed ne estas pli blindaj ol tiuj, kiuj ne volas vidi.

Kaj en tiu Tempo de Scio, kiu estas nia nuna epoko, la tuta mondo povis, nur antaŭ kelkaj tagoj aŭdi la Papon, la Estron de tiu katolika Eklezio, parolantan pere de la plej teknike fama radio-posteno al la tuta homaro. La scienco ankoraŭ foje sin metis je la servo de Katolikismo, kiu al ĝi havigis tiel famajn disĉiplojn, ĉar la elpensinto de la T. S. F., la franca Branly, kaj la efektiviginto de tiu preskaŭsorĉa eltrovo, la itala Marconi, estas ambaŭ fervoraj katolikoj. Religio kaj scienco marŝis kaj kunlaboris dum la lasta dusemajno.

Sed tio ne malebligos, niaj malamikoj daŭre diri, ke Scienco kaj Religio estas nepacigeblaj kontraŭuloj, kaj ke kiam oni vivos en la Tempo de Scio, oni ne plu povas esti kredanto kaj adoranto de Dio, sed nur sendiulo. Malsaĝuloj ! Volaj Blinduloj !

GEORGES RAMBOUX, *presbitero*.



## EL LA VATIKANA URBO

# La Datrevenaj Festoj de la Elekto kaj Kronigo de Lia Papa Moŝto

Tiun ĉi jaron la datrevenaj festoj de la elekto kaj kronigo de Lia Papa Moŝto Pio XI-a ricevis pli grandan solenecon, sekve de la inaŭguro de la elektra centrejo kaj de la radio-stacio de la Vatikana Urbo. En tiu okazo ankaŭ la papaj ĝendarmoj kaj la palacaj gardantoj metis sian novan uniformon.

### Inaŭguro de la elektra centrejo

La elektra centrejo Vatikana datumas de 1897. Ĝi estis starigita laŭ principoj de Aleksandro Volta kaj inaŭgurita de Papo Leono XIII-a. Sed ĉi tiu instalaĵo estis negrava, kvankam sufiĉa por havigi elektran lumon al la Vatikana Palaco. Ĝi konsistis nur en malgranda turbino de 12 vaporĉevaloj, gasmotoro kaj malgranda akumulatoraro. Tiu uzino produktis nur 150 energiamperojn.

Pio X-a transportigis la instalaĵon en la antikvan monfabrikejon papan, kiu ne plu estis uzita, kaj pligrandigis ĝin. En 1912 estis fondita la elektra centrejo, kiu fariĝis la nuna kaj kiu estas nun kapabla havigi lumon kaj energion al la tuta Vatikana Urbo.

La nova instalaĵo konsistas el du motoroj de 80 ĉevaloj kaj 4 motoroj « Diesel » de 200 ĉevaloj po ĉiu. La elektra centrejo kapablos produkti energion de 6.000 amperoj.

La Papo inaŭguris la novan, tute modernan elektran centrejon, vendredon 6 februaro, datrevenan tagon de lia elekto por la Suprema Pontifikeco. La ceremonio okazis en la granda maŝinĉambro, kiu estis antaŭe benita de Msro Zampini, generala vikario de la Papo por la Vatikana Urbo. La Papo estis akompanita de Lia Kardinala Moŝto Pacelli, ŝtata sekretario, kaj de la altoficuloj de lia kortego. Pio XI-a estis akceptita de la guberniestro de la Vatikana Urbo. Post interŝanĝo de gratulaj paroladoj, Lia Papa Moŝto alproksimiĝis al la maŝinoj kaj ekmovigis ilin.



LIA PAPA MOŜTO SIN PRETIGAS RADIO-PAROLI
Dekstre de la Papo, Kardinalo Pacelli, kaj iomete malantaŭe Senatano Marconi.

### La meso por la kroniga datreveno

La datrevena meso estis celebrita, kiel kutime, en la Siksta kapelo, en la Vatikano, antaŭ la tuta kortego papa kaj la diplomataro. Celebris Lia Kardinala Moŝto Locatelli, kiu estis la unue kreita kardinalo de Pio XI-a. Lia Papa Moŝto prezidis sur la trono.

### La Vatikana radio-posteno

La Vatikana radio-posteno estis konstruita en la palacaj ĝardenoj, sur la plej alta loko ; ĝi konsistas el senetaĝa domo, super kiu leviĝas la du metalaj brakoj de la anteno, kiu estas 62-metrojn altaj. Oni eniras tra pordo supre ornamita de la blasono de Pio XI-a. La du aliajn pordojn ornamas kapoj, simboloj de la elektro.

La plej lertaj radio-teknikistoj, sub la gvidado mem de S-ro Marconi, konstruis la radio-postenon de la Vatikana Urbo. Pastro Gianfrancheschi, Jezuito, estas la direktoro de la posteno.

La nomo de la posteno estas : « Radio Città del Vaticano » kaj la indikativo : H.V.J. (.... ...— .———), kio signifas : Holy See (en angla lingvo), Sankta-Seĝo, Vatikano kaj Jesuo. La anteno estas situata 41 54 06 N — 12 26 55 E Gr. La radio-posteno dissendos laŭ mallongaj ondoj : frekvenco : 5.968 Kc = 50 metroj 26 kaj 15.120 Kc = 19 metroj 84. La kurentintenseco estos 10 ĝis 15 kilovatoj.

Lia Papa Moŝto Pio XI-a inaŭguris la radio-postenon, la 12 februaro, datrevenan tagon de lia kronigo, je la 16 h. 45.

Je la duono post la 16-a, la Papo alvenis aŭtomobile al la radio-stacio, antaŭanoncita per trumpetludo. Pikedo de la Svisa Gvardio kaj de la Palaca Gvardio, en nova uniformo, faris la honorojn. Ĉe la sojlo de la stacio Senatano Marconi kaj Pastro Gianfrancheschi akceptis Pion XI-an, kiu estis ĉirkaŭata de Kardinaloj Pacelli, Gasparri, Granito di Belmonte, Ehrle kaj NN. SS. Pizzardo, Ottaviani kaj Caccia-Dominioni, ĉambromastro. Nobelaj Gardistoj, ĉambristoj dejoris ĉe la radio-stacio. Papa standardo flirtis ĉe masto. En la vestiblo la Papo malkovris memortabulon kaj eniris en la ĉambron de la aparatoj, kie li malsuprenigis la interrompilon fermantan la cirkviton, kiu sendas la kurenton al la motoroj. Poste li iris en la grandan ĉambron de la transsendo, kie, alproksimiĝinte al centra aparato, li ekmovigis regan radon, tiele sendante la kurenton al la eliglampoj. Tuj poste la Papo eniris la malgrandan trafikĉambron, kie li dissendis mallongan radiotelegrafian mesaĝon, kiu estis la unua oficiala de la stacio.

Tiam Pio XI-a, akompanata de Senatano Marconi kaj Pastro Gianfrancheschi, eniris la ĉambron de amplifikatoroj, kaj sidiĝis en apogseĝo lokita antaŭ la mikrofono, por transsendi en latina lingvo mesaĝon al la tuta katolika popolo.

Lia Papa Moŝto, uzante la parolojn de sankta Paŭlo en lia epistolo al Korintoj : *Verbum nostrum patet ad vos*, admonis la episkoparon kaj presbiteraron, fervore labori en la ekleziterenoj, ĝis kien li nun povas aŭdigi sian voĉon. Li poste predikis la fidelularon, por ke ĝi sankte vivu kaj tiamaniere honorigu Dion. Parolante poste al la registaron kaj riĉuloj, la Papo rememorigas al ili, ke ili estas nur perantoj de Dio, kaj ke ili devas donaci al la proksimulo laŭ la mezuro mem per kiu ili estis recevintaj. Al la laboristoj kaj mastroj li petas grandan karitaton en iliaj interrilatoj. Fine la Papo dissendis la apostolan benon laŭ solena formo : *urbi et orbi*.

Kiam Pio XI-a estis elirinta el la stacio tuj interpretisto dissendis franclingvan tradukon de la papa mesaĝo. Vespere la anglalingva traduko estis dissendita de la posteno. La sekvantajn tagojn estis dissenditaj german-, hispan-, pol- kaj ruslingvaj tradukoj. Ĉu iam la Vatikana radio-posteno kuraĝos uzi la internacian helplingvon Esperanto, apud la latina lingvo, kaj tiamaniere eliri el la malfacileco de la lingva diverseco ?

La radio-posteno dissendis poste la kunsidon de la Papa Scienca Akademio, dum kiu Senatano Marconi estis akceptita kiel ano de la Akademio kaj dum kiu Pio XI-a denove parolis, sed tiam itallingve, por gratuli Profesoron Marconi pro la perfekta konstruo de la Vatikana radio-posteno, kiu estas unu el la pli fortaj kaj modernaj en la tuta mondo.

## La katolika gazetaro kaj la nia

Niaj legantoj certe sciigos kun plezuro, ke la katolika gazetaro ĝenerale akceptis la eliron de *Katolika Vivo* kun ĝojo. La *Osservatore Romano*, en sia numero de la 12-13 januaro 1931, afable anoncis la aperon de katolika gazeto en Esperanto, kiu konigos la agadon de la katolikoj el la tuta mondo, kaj ĝentile aldonis fratajn bondezirojn. Bedaŭrinde la kvazaŭoficiala papa ĵurnalo erare diris, ke nia gazeto eliras ĉiusemajne, anstataŭ ol ĉiu*du*semajne kaj ke la direktoro estas S-ro Merville, dum ĝi estas Pastro Ramboux.

La angla grava gazeto *The Universe* sciigis, en sia numero de la 9 januaro, la aperon de nia gazeto kaj akcentis ĝian gravecon pro la informoj el la tuta mondo.

En Nederlando *De Maasbode* (Rotterdam), *Het Huisgezin* ('s Hertogenbosch), *De Morgen* (Helmond), *Ons Noorden* (Groningen), *De Tijd* (Amsterdam) kaj *De Echo van het Land van Cuyk* (Cuyk) anoncis la aperon de nia katolika organo internacia.

En Irlando, la monata gazeto de la Kavaliroj de Sankta-Kolumbano : *Columban*, dediĉis, en sia januara numero, plenan paĝon pri *Katolika Vivo* kaj la Ligo de katolikaj esperantistoj en Irlando. Espereble ĉi tio interesigos kelkajn eminentajn katolikojn pri Esperanto, kiel tre taŭga ilo por trafi la katolikajn celojn. Tiele la redaktoro rekomendis la internacian lingvon al la Kavaliroj.

Ĉu estas ankoraŭ aliaj ? Bonvolu tion sciigi al ni, karaj legantoj. Antaŭajn dankojn.

## La pilgrimoj al Lourdes en 1930

La *Annales de Notre-Dame de Lourdes* ĵus publikigis la statistikon pri la pligrimoj al Lourdes en 1930.

Per 413 specialaj vagonaroj alvenis al Lourdes 238.244 pilgrimantoj : el Francujo 159.093 kun 8.615 malsanuloj ; el aliaj landoj sume 79.151 kun 5,688 malsanuloj.

Belgujo sendis 28.791 pilgrimantojn ; Hispanujo, 11.737 ; Italujo, 11.597 ; Anglujo, 6.024 ; Svislando, 4.808 ; Germanujo, 4.147 ; Nederlando, 3.080 ; Irlando, 2.005 ; Lukzemburgo, 1.462 ; Saar-teritorio, 1.296 ; Portugalujo, 1.236 ; Jugoslavujo kaj Ĉeĥoslovakujo, 773 ; Aŭstrujo, 530 ; Skotlando, 485 ; Ameriko, 404 ; Bavarujo, 300.

Krom la pilgrimantoj, kiuj alvenis per trajno, oni devas aldoni la ciferon de tiuj, kiuj venis per aliaj veturrimedoj. Oni povas taksi, ke tiuj ciferis 426.000 ; sekve la sumo de la pilgrimantoj al Lourdes, en 1930, atingas 664.000.

Inter la pilgrimantoj estis 5 kardinaloj, 14 ĉefepiskopoj kaj 121 episkopoj.

## EL LA VATIKANA URBO

*(Daŭrigo)*

### Novaj uniformoj de papaj soldatoj

Ĝis lasttempe la papaj ĝendarmoj surmetis napoleonan uniformon enkondukitan en Romo de Generalo Oudinot dum la franca okupado. Ĉar estas nuntempe tre malfacile havigi al ili la grandan felĉapon, kiu tiel bele aspektis dum la ceremonioj, Majoro de Mandato alportis ŝanĝon en la kapvesto de la ĝendarmoj. Le ĝendarmoj, kiuj nun deĵoros sur la placoj kaj stratoj de la Vatikana Urbo, surmetos pli modernan uniformon, konsistantan el kepo, drapokiteleto sen baskoj kaj epoletoj, kaj pantalonetoj kun krurobandoj. Anstataŭ la longa kavaleria sabro, tiuj ĝendarmoj havos revolveron.

La Palaca Gvardio ankaŭ ricevis novan ĉapon, sed tiun novigajon ne kaŭzis nova politika situacio. Oni nur volis havigi al ĝi plisoldatan kapveston. La eta amaranta kepo estas anstataŭita per kolbako ornamita pere de ĉeneto tenita de du leonkapoj, el kiuj unu havos papkoloran kokardon. La fundo de la kolbako estas amarantokolora. Antaŭe estas tiaro kun ŝlosiloj. Por la solenaj okazajoj, tiu kolbako estos ornamita per plumtufego, blanka por la oficiroj, kaj amaranta por la soldatoj.

### Sur la ŝtatlimoj de la Urbo

Oni lasttempe instalis en la pavimo la ŝtonajn blokojn, kiuj difinas la limojn de la Vatikana Urbo inter la placo Sankta-Petro kaj la placo Rusticucci. Tiuj blokoj estas lokitaj inter la ambaŭ brakoj de la tutmonde konata kolonaro de Bernino.

PETRANO.

# EL ANGLUJO

### Katolika Gildo por fervojistoj ĵus fondiĝis

La metropola kaj civita policana Gildo, jam de longe ekzistas en Anglujo. Msro Howlett, nove promociita al la digneco de papa protonotario estas ĝia kapelano.

Vidi cent policanojn uniforme vestitajn, marŝantajn tra la Londonaj stratoj al Westminster-Katedralo por ĉeesti Diservon, jam estas rimarkinda vidaĵo.



KATOLIKAJ POLICANOJ ENIRANTAJ EN WESTMINSTER-KATEDRALON

La personaro de la Londona Ĝenerala Omnibusa Kompanio lasttempe sekvis la ekzemplon de la policanoj, kaj fondis Gildon por la omnibusaj laboristoj. Tiu organizajo floris, kaj nun estas granda aktiva organizajo.

La sukceso de la policanoj kaj omnibuslaboristoj incitis kelkajn fervojistojn agi sammaniere, kaj ili ĵus fondis Gildon por la katolika fervojistaro. Pastro Benedict Howard, O. S. M., fariĝis la kapelano de la nova Gildo kaj en ĝia unua kunveno diris : « La nova Gildo ebligas min vidi reviviĝon de la Mezepokaj Gildoj, kiuj estis fondataj por la spirita kaj ekonomia komforto de viroj en specialaj industrioj. La franca fervoja Gildo estas rimarkinde granda organizajo, sub la patroneco de sankta Rafaelo Ĉefanĝelo, kaj ofttempe pli ol 5.000 membroj ĉeestas la specialajn Diservojn en la Pariza Katedralo. La tago venos, kiam ĉi tiuj Gildoj unuiĝos en gigantan organizajon, eble oni nomos ĝin " La Katolika Sindikato ". La Gildoj faros protektan rondon ĉirkaŭ la Eklezio, kaj la Sindikato estos la ĉefkontraŭilo de moderna paganismo. »

### La konvertiĝo de Anglujo

« Romo ne estis konstruita en unu tago. Kaj sen mirakla interveno de Dio, la vera Katolikismo — de kiu Romo estas la unu kaj sola centro — ne plene refondiĝos en Anglujo, escepte per la laboro, eĉ laciga laborego, de niaj postaj generacioj. » Tiel skribis Msro Dunn, episkopo de Nottingham en la nova jarlibro de tiu eparkio. « La malfermo de novaj preĝejoj kaj konstruado de lernejoj, diris la episkopo, estas atestajo pri tajdo de katolika reviviĝo, kiu nun fluas nesanceleble tra la lando. Kvankam estas konsolo, scii ke la tajdo jam turniĝis, la laboro por reestabligi la Eklezion ankoraŭ estas en sia komenco. Estas por ni, fari nian eblon kaj ne serĉi rezultatojn. »

### Predikoj en sep lingvoj

Lasttempe okazis en la preĝejo Sankta-Patrik en Londono unika serio de predikoj. Ĉiutage de semajno oni predikis en malsama lingvo. Ankaŭ dum ĉiu Diservo la kantoj estis en la sama lingvo ol la prediko. Dum la kantmeso, dimanĉon, Pastro Ronald Lnox, Jezuito, predikis latinlingve. Dum la semajno estis uzitaj jenaj lingvoj : angla, hispana, germana, franca, itala, nederlanda.

LEO DUKES.

### Kial tiom multe da anglaj verkistoj konvertiĝas al la katolika Eklezio ?

La 26-jara romanverkisto Evelyn Wangh, kiu malgraŭ sia juna aĝo apartenas al vico de la plej talentaj literaturistoj de Anglujo, estis antaŭ nelonge akceptita en la katolikan Eklezion. Sub impreso de tiu ĉi konvertiĝo, la angla ĵurnalo *Daily Express* rimarkigas la « atentindan emon de la britaj verkistoj konvertiĝi al la katolika Eklezio. Apenaŭ unu jaro estas forpasinta depost kiam akceptis la Bapton Sheila Kaye-Smith kaj ŝia edzo. Compton Mackenzie fariĝis katoliko dum la mondmilito, kaj la poeto Alfred Noyes dum 1927. Dum 1919 estis akceptita en la Eklezio Evan Morgan. Krom la diritoj apartenas al famaj interliteraturistaj konvertitoj : G. K. Chesterton, Bellock, Maurice Baring kaj Pastro Ronald Knox, estinta anglikana pastro kaj filo de episkopo anglikana.

Konfirminte la novan konvertiĝon de la literaturisto Evelyn Wangh, la menciita ĵurnalo skribas jenon : « Ĉi-foje la konvertito estas juna homo, kies verkoj diras pri eĉ enamiĝo de la aŭtoro en la ultra-modernismo. Kaj malgraŭ tio li sin direktas, samkiel multaj skribistoj post la milito, al Eklezio kiu ne ŝanĝiĝas dum kuro de la tempoj. » Konsiderante ĉi tiun aperon, *Daily Express* faras demandon, ĉu ne ian rolon ludas ĉi tie la fakto, ke la rapide ŝanĝiĝantaj kondiĉoj de niaj tempoj vekas deziron posedi ion daŭran, deziron aparteni al Eklezio, kiu konsentas nenian kompromison.

ANTONI TROSZYNSKI.

### La religia demando en Irak-lando

Oni jam scias, ke sekve de la proklamo de sendependeco de la Irak-lando, estis religia demando pri la kristanaj malplimultoj, kiuj tute kalkulas 110.000 homojn. Ĉu ili estus denove persekutataj de la mahometatoj, kiel ĝis lasttempe ? Propetoj estis prezentitaj al la Societo de Nacioj, kaj ili sukcesis.

La Societo de Nacioj, akceptante la principon de la sendependeco de la Irak-lando, prizorgos mem la protektadon de la kristanaj maplimultoj en tiu ĉi lando. Oni havigos aŭtonomion al Mossul, kie plejparte loĝas la Jakobanoj kaj Nestorianoj. La Kaldeanoj estos grupigitaj en Bagdad, kie ili havos lernejojn proprajn kaj profitos plenan liberecon religian. *(Argus.)*

■ Laŭ raporto de *Das Neue Reich*, Wien la « Gaja Infaneco » ankaŭ en la pasinta jaro ree tre bone progresis. En la ĉefkunveno okazinta komence de februaro en Wien, faris la prezidanto, D-ro Franz Arnold, la jarraporton. La landa ligo por Malsupra Aŭstrio entenas 110 grupojn de kiuj estas prizorgataj 11.000 infanoj. Entute oni elspezis aŭstr. Ŝil, 596.000. —, entenate la elspezojn por la feria agado, por la vestado de malriĉaj infanoj, konstruaĵriparadoj, centraj administradelspezoj, ktp. La saman sumon elspezas la socialista komunumo Wien nur por la pago de la personalelspezoj en siaj de 2.500 infanoj vizitataj hejmoj ! !

# EL ĈEĤOSLOVAKUJO

### Religiuloj en Universitatoj

En la lastaj tempoj ni estis okulvidintaj kelkajn rimarkindajn promociojn de religiuloj en ĉeĥoslovakaj universitatoj. Ĉi tiuj okazintajoj estas ĝojplenaj signoj, ke Katolikismo en nia lando antaŭeniras. Ili estas denove pruvoj, ke katolika Eklezio ne estas tiel reakcia kaj malprogresema, kiel oni ankoraŭ ĉi tie kaj tie babilas, sed ke Ĝi favoras sciencon kaj progreson, kies malon klopodas parolkonvinki al la mondo niaj « progresuloj ». Je fino de ĵus pasinta januaro, en aŭlo de universitato de Masaryk en Brno estis promociita al grado de filozofidoktoro Pastro Joachymo Procházka, prokuratoro de franciskanaj misioj. Kaj antaŭ malmultaj monatoj, kun larmoj en okuloj, ni legis entuziasmajn gazetreferatojn pri solena promocio de ordenanimo de Sankta-Ursulo, kiu per sia eksterordinare brilega promociparolado, farita okaze de solenega momento, en antikva aŭlo de Praha Universitato, tute ekokupis korojn de ĉiuj ĉeestantoj. Ĉi tiu kortuŝa parolado estis komentita kun videbla surprizo en gazetoj neŭtralaj, eĉ en kontraŭkatolikaj.

### Ankoraŭ pri balotoj

Antaŭreferatoj pri rezultato de popolsumigo farita en pasintjara decembro tute klare montras, ke Katolikismo en respubliko rekonsciiĝas el postmilita letargio kaj refortiĝas el batoj faritaj al ĝi per revolucia ondleviĝo, kiu naskis krom alia ankaŭ novan malklaran ĉeĥoslovakan sekton.

Kvankam akurataj rezultatoj de popolsumigo estos konataj nur en majo, oni povas jam hodiaŭ konkludi laŭ kelkaj signoj, ke malgraŭ ĉiu terurega kaj furioza agitado de ĉiuj malamikoj, katolikoj ne nur defendsavis sian simplan plimulton, sed, kiel pruvadas ĉefurbo Praha, ankaŭ nepre kreskis. Ankoraŭ pli favorajn rezultojn ol en Praha oni povas atendi el kamparo, kiu ĉiam estis ĉe ni religie progresinta. Ni povas kun nepra kvieto jam hodiaŭ ne atendi tro fruan triumfon de malamikoj super malvenko de Katolikismo ĉe ni. Ĉiuj ateistaj kaj « progresulaj » sektoj kaj societoj kiel « ĉeĥoslovaka sekto », liberpensuloj, de ŝtato favorita Sokol, komunistoj, ĉiuj partioj socialistaj kaj ankoraŭ sufiĉe granda vico de societoj kaj kompanioj kunvenis nur tiucele, por malgrandigi la kvanton de tiuj, kiuj konfesas Katolikismon, por depecetigi almenaŭ grajnon el forta roko de sankta Petro. Ili forgesis antaŭdiron de Jesuo-Kristo : « Eĉ pordegoj de infero ne venkos ĝin ! »

LADISLAV KUČERA.

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Telefono : Parie-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86

ADMINISTRACIO
22, Cours Albert-Premier — PARIS-VIII
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris n° 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata poŝttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris n° 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto n° 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto n° 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto n° 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto n° 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : S-ro P. A. Schendeler, Prins Hendrikstr. 30°, en Eindhoven. Poŝtkonto n° 77.739.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Ŝwierklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro K. Jos. Haas, Adligenswilerstr. 4, Luzern. Poŝtkonto : VII 3.883.

## EL IRLANDO

### Muziko por la Eŭkaristia Kongreso

La laboro de la Muzika Sub-Komitato de la Eŭkaristia Kongreso progresas sufiĉe bone. Oni nuntempe presas specialan himnaron, kiu enhavos la necesajn himnojn en la latina, irlanda aŭ angla lingvoj.

Oni decidis ke la muziko por la Meso de la Papa Legato en la « Phœnix » Parko, dimanĉon 26 junio 1932, estos la *Missa Brevis* de Palestrina. Ĝi estos kantata de ĥoro de kvar aŭ kvin centoj da viroj kaj knaboj.

La Meso en la pro-katedralo, okaze de la Solena Malfermo de la Kongreso, estos la *Missa Papæ* de Marcelli.

### Donaco al la Papo

La Irlanda Libera Ŝtato intencas donaci grandegan tapiŝon al Lia Papa Moŝto Pio XI-a okaze de lia presbitera jubileo. La tapiŝo estas 32 1/2 futojn longa kaj 16 1/2 futojn larĝa (9.75 × 4.75 metroj). Oni fabrikis ĝin dum la pasintaj kvar monatoj. Oni kuŝigos ĝin en la centra ĉambro de la tri ĉambroj, kiuj kondukas al la privata aŭdienca ĉambro de la Papo. En la centra panelo de la tapiŝo estas la familia blazono de Lia Papa Moŝto, kun la Papa blazono supre. La paneloj supre kaj malsupre figuras la insignojn de la kvar provincoj de Irlando Oni montris ĝin en Dublino dum la pasintaj du semajnoj, kaj ĝi estis tute fabrikita en Dublino.

### Nova Episkopo Irlanda

Oni oficiale proklamis ke Lia Papa Moŝto Pio XI-a, elektis Msron Francis Joseph Wall, P. P., V. G., St. Mary's, Haddington Road, Dublino, kiel titola episkopo de Thasos kaj helpanto de la ĉefepiskopo de Dublino.

Msro Wall naskiĝis en Dublino, li ricevis sian edukecon ĉe la lernejo de la Kristanaj Fratoj, kaj poste li eniris Belvedere-Kolegio. En la jaro 1882, li eniris Clonliffe (Sankta-Kruca Kolegio) kaj poste li iris al Romo, kie oni lin pastrigis en la Propaganda Kolegio, la 1 novembro 1889.

La rangiĝo de Msro Wall en la episkoparo ĝojigis sian anaregon de amikoj en la eparĥio de Dublino, kie li estas treege estimata.

H. McNeill Macauley.

## EL HINDUJO

### Eashavas kaj religio

La gento de la Eashavas, de Malabar-lando, troviĝas en stato de religia evolucio kaj organizado. Ĝiaj anoj mem disŝiris la ĝisnunajn ligilojn kaj serĉas novajn, sed en malsama direkto. Kelkaj inter ili estas sindonemaj al Budhismo, aliaj ne sin okupas pri religio kaj estas sur vojo al indiferentismo, se ne al ateismo. Pluaj deziras, ke la gentanoj formu apartan komunumon, kiu mem sufiĉu al si, kun ia hinda kulto kiel tute propra posedaĵo. Por atingi ĉi tiun celon, ili volas konstrui templojn de Eashavas en tuta lando, kun propraj idol-kultistoj, por ke ili gvidu edziĝajn kaj entombigajn ceremoniojn, parolu preĝojn por la popolo kaj estu pagataj kaj estimataj pro tio. Estas plu alia grupo de tiu gento, kiu estas ekkonanta, ke Hindismo estas malsaĝa afero, kaj sin liberigas fizike kaj spirite de ĝiaj katenoj per ricevo de la sankta bapto. Ĉar la anoj de tiu ĉi grupo ekkonis, ke Jesuo-Kristo estas ilia Savanto. Siajn opiniojn pri Katolikismo ili publikigas en la gazetoj tiel de Eashavas kiel ankaŭ en katolikaj, precipe en la *Sathya Deepam* de Ernakulum. Tiu agado kaŭzas grandan sensacion en la tuta gento de la Eashavas. Gentaj kontraŭuloj de la kristana ideo penadas plej eble, sufoki ĉi tiun movadon dum ekestiĝo, disvastigante la famon, ke la konvertiĝoj gentanaj, nomitaj en la gazetoj, estas anstataŭantoj de kristanoj, por kaŭzigi konfuzon en la komunumo de la Eashavas. Estimata gentano, Vaidhyan, estas eldononta verkaĵeton en granda nombro, per kiu li intencas klarigi la neceson, ke ĉiuj gentanoj turnu sin al Kristanismo.

Pro senlacaj laboroj de enlandana misiisto inter la idolanoj, D-ro Panjikaran, kaj de la gazeto *Sathya Deepam*, nombro inter la Eashavas jam estas ekkoninta la katolikan kredon kaj sin turnis al ĝi.

Dio benu ĉi tiun mision kaj entuziasmigu multajn akcelantojn por ĝi.

Alois Koudelka.

(Laŭ *Licht und Liebe*, Wien.)

# 60-jara Jubileo de la Universitata presejo kaj eldonejo « Styria » en Graz

La 1 januaro 1931 pasis 60 jaroj depost la fondiĝo de la plej malnova entrepreno de la katolika presasocio por la eparĥio Seckaŭ-Graz (Aŭstrujo). La katolikoj en Stirio povas esti fieraj pri la bonaj sukcesoj ĝis nun atingitaj. Ke per Dia graco kaj beno elkreskis verko, kiu alportis grandiozajn utilojn por Eklezio kaj hejmlando. La katolikan vivon de Stirio oni preskaŭ ne povas imagi al si, sen la institutoj de la Katolika Presasocio, sen ĝiaj gazetoj kaj jurnaloj, sen ĝiaj libroj.

La 8 aŭgusto 1868 la *Grazer Volksblatt,* kiu tiam estis en la unua jaro de ĝia ekzisto, sugestis la fondon de katolika Presasocio por Stirio. En la sama jaro la asocio fakte fondiĝis kaj jam la 1 januaro 1870 povis la tiama ĝeneralvikario de la eparĥio Seckaŭ, D-ro Büchner, doni eklezian benon al la unua entrepreno de la asocio, la « Vereinsdruckerei ». Unu jaron poste la presasocio aĉetis la *Grazer Volksblat,* kiu ĝis tiam apartenis al fondanto-komitato, fondis la eldonejon « Styria » kaj instalis la samnoman librovendejon en Graz. Por la gvidado de ĉi tiuj entreprenoj estis komisiata Prelato Alois Karlon, viro, kiu estis destinata gvidi dum jardekoj la politikajn sortojn de la Stiriaj katolikoj al kies laborado oni dankas, ke la liberalismo en Stirio povis esti venkata. Ĝis la jaro 1900 Prelato Karlon estis gvidanto de la entreprenoj de la Katolika Presasocio, kiuj tre bone evoluiĝis. En la jaro 1877 la asocio aĉetis la presejon kaj fabrikejon por komercaj libroj « Gutenberg ». La « Vereinsdruckerei » estis alpreninta en 1879 la nomon « Styria », en 1886 ĝi ricevis la titolon de « I. R. Universitata Presejo ». En la jaro 1893, Prelato Karlon fondis la universitatan presejon « Judenburg » en Judenburg, la unuan entreprenon ekster Graz.

Post la eksiĝo de Prelato Karlon fariĝis univ. prof. D-ro Michelitsch gvidanto de la presasociaj entreprenoj. Sub li la Graz'aj teknikaj entreprenoj transloĝiĝis el Stainzerhof en la imponan kaj grandan domon en la Schönaugasse 64. Fondiĝis la *Kleine Zeitung,* nun la plejmulte legata ĉiutaga jurnalo Stiria kaj establiĝis librovendejoj en Wien kaj Leibnitz. Post longjara meritplena agado prof. D-ro Michelitsch eksiĝis kaj Kanoniko D-ro Franz Puchas transprenis la gvidadon de la entreprenoj. Sub li la nombro de la komercaj entreprenoj plialtiĝis per aĉeto aŭ establo de filioj en Mariazell, Altötting (Bavario), Tamsweg (Salzburglando), Knittelfeld, Leoben, Friesach (Karintio), kaj la aĉeto de la famekonata libro- kaj artaĵvendejo Ulrich Moser (J. Meyerhoff). Dum pli ol dudek jaroj Kanoniko D-ro Puchas estis gvidanto de la nun tre gravaj entreprenoj. Post lia eksiĝo transprenis Generaldirektoro D-ro Karl Stepan la gvidadon de la presasociaj entreprenoj. Ankaŭ en la plej nova liglando Burgenland la presasociaj entreprenoj. Ankaŭ en la plej nova liglando Burgenland la presasocio posedas nun filiojn, nome en Oberwarth kaj Stegersbach.

La 60-jara jubileo de la plej malnova entrepreno de la presasocio estis solene festata per dankdiservo en la katedralo de Graz, celebrata de la prezidanto de la Katolika Presasocio, Kanoniko D-ro Brandner. Poste okazis festkunveno en la hotelo « Steirerhof », en kiu ankaŭ partoprenis Princepiskopo D-ro Pawlikowski kaj la landestro de Stirio, D-ro Rintelen, kaj multaj eminentuloj. La parolantoj skizis la estiĝon kaj evoluiĝon de la « Styria », kiu nuntempe jam estas entreprenego. Krom la *Grazer Volksblatt,* la *Kleine Zeitung,* la *Sonntagbote,* ĝi ankoraŭ presas 19 gazetojn kaj jurnalojn je fremdaj kostoj. Por salajroj pojare estas elspezataj 1 1/2 milionojn da aŭstraj ŝilingoj, por socialaj depagoj 100.000 ŝilingojn. 65 vagonoj da rotacipapero estas konsumataj pojare. Entute estas okupataj proksimume 400 personoj. La eldonejo krom la verkoj de teologia kaj filosofia enhavo ankaŭ eldonis gravajn verkojn historiajn i.a. la konatan Mondhistorion de Joh. Bapt. Weisz en 22 volumoj, Princepiskopo D-ro Pawlikowski diris en sia parolado i.a.: « La fruktodoneco de la entrepreno estas pruvebla per unu sola frazo. Ni pensu la katolikajn gazetojn, aperantaj ĉe "Styria", ne ekzistantaj: — ni katolikoj en Stirio estus la libera ĉasaĵo por ĉia senbrideco. » La princepiskopo memorigis la virojn, kiuj fondis la Katolikan Presasocion kaj celkonscie evoluigis ĝin kaj ankaŭ menciis la mortintajn ĉefredaktorojn Msroj Zapletal kaj Karl Schwechler, sub kies gvidado *Grazer Volksblatt* precipe prosperis kaj havigis al si gvidantan rolon inter la Graz-a gazetaro.

La entreprenoj de la Katolika Presasocio ĉiam sin ankaŭ montris tre favoraj al la katolika Esperanto-movado. La *Grazer Volksblatt* ĉiamaniere subtenas nian movadon per artikoloj kaj notoj, kaj ĉiudimanĉe aperigas esperantlingvajn informojn de la Esperanto Societo "Emilo Peltier", Graz. La eldonejo « Styria » aperigis la Esperanto-libron Ségur-Halbeld: « Respondoj al paroloj kontraŭ la religio », kiu ankaŭ nun estas havebla, ĉu per la administracio de K.V., ĉu per la Esperanto Societo "Emilo Peltier". La librovendejo Ulrich Moser (J. Meyerhoff) ĉiamaniere subtenas nin per elmetado de bonaj Esperanto-libroj kaj afiŝoj, du oficistoj siaj estas aktivaj esperantistoj. La bele ilustrita festskribaĵo portas kiel moton jenan parolon de Papo Pio X-a. « La katolika gazetaro estas la plej bona armilo de la katolika popolo. » Agante laŭ ĉi tiu papa parolo, kaj forte laborante por la katolika gazetaro ni neniam forgesu ke tiu sama sankta Papo ankaŭ la unua aprobis la Esperanto-movadon dirante « Esperanto havas grandan estontecon antaŭ si. » Tial ni klopodadu meti ĉiam pli kaj pli ankaŭ nian lingvon je la servo de la Katolika Agado kaj de la katolika gazetaro.

Karl Dürschmid.

1. Ĉefdomo de la presejo « Styria » kaj « Gutenberg » kaj redaktejo de la gazetoj. — 2. Stainzerhof, administrejo. — 3. La gazetoj eldonataj kaj presataj de « Styria ». — 4. La plej granda librejo de la Presasocio, Ulrich Moser.

## EL BELGUJO

En la universitata urbo Loveno mortis, la 29 januaro, Msro Fabiano-Antonio Eestermans, estinta kapucena episkopo de Lahore, en Brita Hindujo.

Kaŭze de sia malboniĝinta sanstato, Lia Moŝto devis depost 1928 forlasi sian karan mision en Panjab por komenci pli trankvilan vivadon en la kapucena monaĥejo de sia naskiĝhejmo Meersel, apud Antverpeno.

En la jaro 1889, post kiam li jam dum kvin jaroj estis profesoro ĉe la Serafa instruejo de Brugo, Patro Fabiano kiel misiisto forvojaĝis kaj akceptis en la Malproksima Oriento la estrecon sur la katolikoj de la episkopa urbo Lahore. Tie li iĝis baldaŭ la protektanto de la Eŭropanoj kaj de enlandanoj tra la tuta regiono. Tie li estis paroĥestro dum dek-kvin jaroj kaj ĝuis la respekton de la katolikoj kaj eĉ de la protestantoj, kiuj ofte vokigis lin, por konsoli ilin en la morta horo.

Milojn da malfeliĉuloj li helpis, kaj sen troigo oni povas diri, ke lia nomo famkonatiĝis tra Hindujon.

En 1905 la troa laborado elĉerpis liajn fortojn, pro kio do li ricevis la permeson, returni al sia patrujo. Tamen alveninta en Belgujo, je sia mirego, kaj pro la interduma morto de la tiama episkopo Msro Pelckmans, li mem estis baldaŭ konsekrota nova episkopo de la Panjaba misiregiono. Plena de konfido nun je Dio kaj nia bona Sinjorino, kies honoranto li estis, li kiel reviviĝinta, denove ŝipveturis al la misio. Dum dudek jaroj ankoraŭ, lia moŝto faris tiele multan bonon por la kristanigo de la Norda-Hindujo.

Pro lia klopodado la bela Lahora katedralo estis finkonstruita; stariĝis, krom multaj lernejoj, malsanulejoj kaj preĝejetoj, ankaŭ kongregacio de enlandaj hindaj fratulinoj. Fondiĝis same por la enlandanoj 10 misiejoj. Li havis la feliĉon vidi, ke la nombro de la misiistoj kreskis de 33 ĝis 44 kaj ankaŭ tiu de la religiaj gefratuloj duobliĝis. La aro de kristanoj plialtiĝis de 4.551 ĝis 33.226 kun proksimume 22.000 kateĥumenoj. Estas ja belaj ciferoj por tia misilando.

Finfine li el Romo rajtiĝis havi merititan ripozon, kaj ricevinte nun la titolon de episkopo de Letopolis, li lasis sian altrangan oficon al pli juna energio.

En la monato de julio li festis ankoraŭ sian arĝentan episkopan jubileon.

Ĉiuj, kiuj interkonatiĝis kun Lia Moŝto, povas rakonti pri lia granda laboremo kaj pri lia vere franciskana simpleco. Lia memoro restos kiel instruado kaj ekzemplo.

La 4 februaro lasta, en la kapucena preĝejo de Antwerpeno, oni kantis la funebran meson, dum solene ĉeestis Lia Kardinala Moŝto Van Roey, ĉefepiskopo de Meĥeleno (Malines), tiele honorante lastfoje pro la servoj faritaj al la Eklezio de tiu-ĉi flandra kapuceno.

Restu li nun de el la ĉielo bonfaranta patrono por la Panjaba Misio.

Fr. Bonaventuro, *kapuceno.*

# Propagandu ĉien nian gazeton

# Misia Jaro 1930$^{a}$

*La Pres-Agentejo « Fides » al ni sendis tiun resuman bildon de la misia agado dum 1930, verkitan de Patro Pierre Charles, Jezuito, en Leuven (Belgujo), kies spertecon pri misilogio estas fame konata.*

### Ĝenerala rigardo

Dum tiuj lastaj dekdu monatoj, la misia agado de la Eklezio tre videble progresis sub kvar vidpunktoj, malgraŭ triobla minaco pli kaj pli malkvietiga.

### Progresoj

1-e *Kreado de novaj Ekleziaj distriktoj.* — La kreado de novaj Ekleziaj distriktoj per dispartigo de la antaŭaj vikarilandoj daŭris kun la sama rapideco kiel dum la lastaj jaroj. Ĝin energie direktis la *Propagando de la Kredo.* Ĥinujo kaj Suda Hindujo precipe profitis ĝin. Ni mencias ekzemple: la sendependa misio en Vuŝov, disigita el Nanning; tiu en Tali, disigita el Junnan; prefektlando en Jaŝov, disigita el Suifu; vikarilando de Hengŝov, disigita el Ŝangsha; eparĥio de Salem, disigita el Kumbakonam; distrikto de Vigajapuram, disigita el Verapoli; eparĥio de Kottar, disigita de Kilon. Tiu pligrandiĝo okazas kompreneble kune kun pligrandiĝo de la misiistaro kaj de la monrimedoj: ĝi estas montrilo de la misia movado. Oni povas diri, ke dum ĉiu monato naskiĝas nova eklezia distrikto. La *apostola vizitanto* de Angla Afriko, Msro Hinsley, estis nomata *delegito apostola.* La Belga Kongolando akceptis kiel delegiton Msron Dellepiane. La misia organizo neniam estis tiel kompleta kaj tiel forta.

2-e *La indiĝena presbiteraro.* — Kun necedema persisto, la Sankta-Seĝo disvolvis la nepre necesan verkon de la indiĝena presbiteraro (letero de Msro Salotti, nova sekretario de la Propagando). Regionaj seminarioj estis inaŭguritaj en Tokio, Hongkong, Uidah, ĉe Vasutolando, en Nam Dinh (Tonkinlando), Tananariv. La eparĥioj en Kottar kaj Kumbakonam estis donitaj al la indiĝena presbiteraro: la unua havas kiel episkopon, hindon, Msro Pereira; la dua havas hindan apostolan estron, Msro Wavier. En Ĥinujo, du Vikarilandoj (Shunking kaj Wanhsien) kaj unu Prefektlando (Jaŝov) estis donitaj al ĥinaj episkopoj: tiel la episkopaj indiĝenaj seĝoj en Ĥinujo nombras je 12. Oni povas aldoni por Afriko, Msron Cassa, kvankam li ne dependas de la Propagando; li estis episkopigata la 3 aŭgusto.

Dum tiu ĉi jaro oni vidis la monaĥiĝon de la du unuaj *« Disĉiploj de la Sinjoro »* (kongregacio ĥina el Ankuo), la fondo de la unua benediktana monaĥejo en Belga Kongolando (el la Abatejo Sankta-Andreo de Lophem); tiu monaĥejo estas en Kapolowe (Katanga). En Hindo-Ĥinujo alvenis Sulpicianoj por instrui en la Seminarioj. La indiĝenaj kongregacioj multe disvastiĝis en Oceanio, en Afriko, en Azio...

4-e *Kreskado de la konvertiĝoj.* — La movado estas kiel ĉiam tute ne simila en la diversaj landoj: Malpligrandigita — sed ne malestigita — en Ĥinujo; tre malrapida en Japanujo (kreskado de ĉirkaŭ 3.000, tiam kiam la loĝantaro kreskas je unu miliono); grandega en Centra Afriko, kie la misia laboro estas ege vigla (22 ekleziaj distriktoj nur por la Belga Kongolando), kie la kateĥizoj estas tro multaj. Oni informis ankaŭ pri amasaj konvertiĝoj en Hajderabad-lando — ĝis nun tute dormanta — kaj pri la enironen la Roman Eklezion de Msro Ivanios kaj de Msro Teofilos, lia helpanto; tiuj ambaŭaj konvertiĝoj jam instigis la jakobajn kristanojn de Hindujo amase forlasi la skismon.

4-e *Kreskado de la misia preso.* — La disvastiĝo de la klereco ebligis en multaj landoj uzi la preson kiel rimedon por enpenetri aŭ konservi. Oni informas pri nova perioda jurnalo verkita en indiĝena lingvo (Suda Afriko), pri aro da publikaĵoj (Gilbertinsuloj), pri propagando per libretoj kaj flugfolioj en Japanujo, pri nova al Maria dediĉata jurnalo en Kasai (Kongolando), pri gravegaj iniciatoj en Hongkong.

### Minacoj

1-e *Pro la politika stato.* — Estas la plej grava. La malklara stato de Ĥinujo, la militoj, la rabadoj, la banditismo kaŭzis en la suda lando la morton de pluraj misiistoj, la mizeron de la kristanoj kaj ĝeneralan malkvieton, paralizanta ĉion. Multaj misiistoj estis kaptitaj kaj eĉ torturitaj de la rabistaj trupoj. Malgraŭ ĉio ĉi, la organizo de la Eklezio bone kontraŭstaris al tiuj grandegaj atakoj kaj, precipe en norda lando, oni konstatis progresojn.

La nacionalismaj ribeloj en Hindo-Ĥinujo, kun la mortigado de Jen-Bay, ne kaŭzis gravegajn materiajn detruojn, sed ekzistas kaŝata malamikeco ĉe kelkaj partoj de la popolo kaj eĉ en la kamparo.

La Samoan'a nacionalismo (Maupartio), kies estro — katolika — estis mortigita de la Neo-Zelandaj trupoj, ne influas rekte la Mision: la katolikoj estas en la du partioj.

En Hindujo, kie la Ghandi-a movado agitis, oni vidis katolikan delegiton invitata ĉe la « Round Table Conference » en Londono (kunveno de la ronda tablo). Ĝis nun la misio ŝajne ne estis malhelpata de la tendencaj luktoj. Tie ĉi ankoraŭ ekzistas katolikoj en ĉiuj partioj.

La pri-rasaj leĝoj en Suda Afriko helpis la komunistan progagandon ĉe Bantus-popoloj kaj malhonorigis ĉe tiuj popoloj « la religion de la blankuloj ».

Malgraŭ tiuj minacoj, nenie la Eklezio estis forpelata.

2-e *La lerneja leĝaro.* — Estas alia grava minaco. Laŭ eŭropaj modeloj, tiu leĝaro, ekzemple en Ĥinujo, celas forigi ĉiun instruon, ĉiun insignon, ĉiun ekzercon *religian* el la klasoj; ĝi celas trudi je la kristanaj lernejoj direktorojn kaj programojn de studoj neakcepteblajn. Aliloke, ekzemple en Japanujo, oni forigas ĉiun religian instruon kaj oni trudas la instruon kaj la praktikon de la oficiala ŝintoismo, konsiderata de la ŝtato kiel civilan kaj patriotan kulton, sed... la statuto kaj la ecoj de tiu kulto ne estas klare montritaj.

En Angla Afriko, la kondiĉoj de la programo kaj de la buĝeto estas tiaj por la helpataj lernejoj, ke la misio ne sukcesas plenumi ilin: tial oni devis jam fermi sufiĉe grandan nombron da lernejoj. Malgraŭ tiuj malhelpaĵoj, oni devas paroli pri la pligrandiĝo de la Benediktana Universitato en Pekin, pri la rekonstruo de tiu de Tokio, pri la sukcesoj pli kaj pli gravaj de la superaj liceoj en Hindujo.

3-e *La ekonomia krizo* — Dum la tuta jaro ĝi malhelpis la tutan mondon — precipe akre en la lastaj monatoj. Ĝi influas duoble sur la misilandoj: unue ĉar la lokaj monrimedoj malaperis (krizo de la kokosarboj, de la vanilo, ĝenerale de ĉiuj kulturejoj); due ĉar la mono donata de la metropoloj malpliiĝas tute ne atendite. Tiu krizo certe estos precipe sentebla dum 1931.

### La grava intereso pri la Misioj

Ekster la misilandoj, en la maljunaj landoj de la Kristanaro, oni pli kaj pli interesiĝas pri la disvastiĝo de la Eklezio. Jen pruvoj montrantaj, ke pli kaj pli agema kunlaborado ligas la misilandojn kaj ilian agad-bazon: la Misia Semajno finінта la ekspozicion Barcelonan (29 junio - 6 julio), la 8-a Misia Semajno en Louvain, la 7-a Internacia Akademia Kongreso en Ljubljana (6-11 septembro), la 11-a Misia Semajno Itala en Torino (1-5 septembro), la Kongreso de la Misia Krucmilito en Regensburg (aŭgusto), la Amerika « Crusade ».

*Trad.* Jean Duffaud.

## Anglaj Dominikanoj aliras al Persujo

Laŭ la deziro de Lia Sankteco, la Papo, kelkaj Dominikanoj estas vizitontaj Sudan Persujon, por elstudi la filozofion kaj kulturon Persajn.

De longe oni sciis, ke Persujo estis la naskiĝejo de Aziaj ideoj, la centro de Orienta filozofio kaj la intelekta hejmo de Azio. Se oni volus kompari ĝin kun la Okcidento, oni devus nomi ĝin « La Francujo de Azio » pro tio, ke la plimulto de Orientaj filozofiistoj aliris tien por studi sian tradician penson ĉe ĝia fonto.

Do, la Sankta-Seĝo opinias, ke estas devige, ke ĉi tiu filozofio estu zorge elstudata, ĉar malantaŭ ĝi ekzistas nememorebla tradicio. Ĝi ja enhavas, intermiksita kune kun ĝi, malnovajn memorojn de Aristotelo, ĉar estis pere de Persujo, ke Eŭropo estis reinstruita, kvankam mankhave, pri la filozofio de la Stageiritano.

Rezultate de tio la tri Anglaj Dominikanoj, kiuj aliras al Persujo kiel antaŭgvardio de pli granda studentaro, estos sukcese plenumintaj siajn teologiajn gradojn kaj estos plene edukitaj por povi elstudi ĉi tiun kulturon kaj ĝin taksi ĝisfine.

Albert E. Hepton.

## Letero el Nederlando

### La stato de la katolika politiko

La baldaŭaj balotelektoj por la provincaj registaroj en nia lando, donas al ni la oportunan okazon, por ĝenerale raporti ion pri la politika situacio de la Nederlanda katolikaro. Estas sendube, ke ankaŭ en aliaj landoj kiel la nia ekzistas homoj, kiuj opinias politikon ekvivalento de fiaĵo. Sed konsiderante, ke preskaŭ ĉiu katolika progreso dependas de la tiurilata politika situacio kaj spertante, ke por la sukcesigo de preskaŭ ĉiu katolika agado ni nepre bezonas la politikan subtenon, ni devas konfesi, ke en la nuntempa mondsituacio la politiko devas esti necesa parto de la katolika agado.

Politiko tamen je si mem ĝenerale ne nur estas nealloga, sed en sia plej profunda senco: seka, teda, malemociiga kaj multfoje seniluziiga; ĉar ĝi ja estas la laŭebla praktika realigo de tio, kion la optimismo, la entuziasmo kaj la bona volo teorie idealigis.

Precipe en la parlamenta sistemo ĝi ludas tre gravan rolon, ĉar ĝi tiam samtempe devas alpreni registarajn devojn.

En Nederlando ni konas la katolikan Ŝtatpartion jam depost la fino de la antaŭa centjaro, kaj estas nekalkuleble kiommultegon la nederlanda katolikaro ŝuldas al la longa vico de ĝiaj katolikaj politikuloj, kvankam la nuna situacio sur politika tereno ankoraŭ ne fariĝis ideala kaj de tempo al tempo prave eksonis kaj ankoraŭ eksonas avertanta kritiko. Ankaŭ la katolika Ŝtatpartio ne estas, kiel ĉiu alia homa faraĵo, senerara.

En la Nederlanda parlamento, konsistanta el 100 riprezentantoj, ni distingas du grupojn: la dekstran, al kiu apartenas la kristanajn partiojn, kaj la maldekstran, en kiu ni envicigas la liberalistojn, la socialistojn kaj je la ekstrema flanko la komunistojn.

Antaŭ la katastofra dato de la 11 novembro 1925, la dekstra flanko, do la kristanaj partioj, kunlaboris en t. n. « koalicio », por akiri plimulton je la voĉdonadoj. La precipa celo de tiu kunlaborado estis la ekfunkciigo kaj samrajtigo de la religia instruado, kiu celo pli malpli estis atingata.

Je la supre citita dato tamen, tiu kunlaborado ĉesiĝis pro la en antaŭa letero pli detale menciita subvenciomalaprobo por la Vatikana Ambasadoro, kaj la el tio rezultita retiriĝo de la katolika Ŝtatpartio kaj ĝiaj 30 parlamentanoj ne plu kunlaborante, escepte en incidentaj okazoj, kun la cetera dekstra flanko, ankaŭ prave rifuzis doni sian kunlaboradon ĉu al la liberala partio, ĉu al la ne nur laborista sed vere marksista socialista partio.

Pro malesto de subtenanta plimulto en la parlamento, ankaŭ firma ministraro fariĝis utopio kaj la funestaj sekvoj de tio ne povis forresti.

En la lasta tempo la « fantomo » de la « koalicio » ree eltombiĝis pro la baldaŭa voĉdonado por la provinca registaro. Montriĝis tamen sufiĉe klare, ke tia « koalicio » preskaŭ fariĝis neebla, unue pro la intertempe ŝanĝitaj cirkonstancoj, kaj due pro la intertempa daŭra malpliproksimiĝo inter la katolikaj kaj la ceteraj dekstraflankaj partioj. Unu el la ĉefaj kaŭzoj por tio tamen estas la fakto, ke la katolika Ŝtatpartio ne estas partio de nur unu klaso sed klasa konglomerato de la tuta Nederlanda katolikaro. Ne bezonas klarigon, ke kvankam tia katolika konglomerato laŭ la katolikaj principoj tute estas defendebla kaj vere pruviĝis ebla, la kunlaborado de tia konglomerato kun iu aŭ alia pli specifika klaspartio fariĝis baro, kiun la katolika partio en sia tuteco ne povas transiri. Dio donu saĝon al la prirespondaj gvidantoj kaj forigu de ni tiun alian fantomon, kiu nomiĝas: « malkonsento ». « En nia unueco estas nia forto » ankaŭ valoras sur la katolika politika tereno. Aldonu ni fine, ke pro la nunaj malfeliĉaj ekonomiaj cirkonstancoj kaj la senlaboreco, ankaŭ tiu ĉi problemo ankoraŭ fariĝis pli malfacila, dum de diversaj flankoj oni plendas pri politika indiferenteco.

### La XV-a Katolika Studentojtago

Dimanĉon 8 februaro okazis en Delft la XV-a Nederlanda Katolika Studentojtago. La pritraktika temo en la ĝeneralaj kaj sekciaj kunvenoj estis: « Studento kaj Idealismo ». Ĉeestis proksimume 300 katolikaj studentoj de la kvin ŝtataj universitatoj, la katolika universitato en Nimego kaj la teĥnika altlernejo en Delft, krome ankoraŭ partoprenis multaj profesoroj kaj registaranoj, delegitoj de la Germana Kartelo de katolikaj studentoj kaj de la Flandra Ligo de katolikaj studentoj kaj Pastro Gremond, el Freiburg, la ĝenerala sekretario de « Pax Romana », la internacia porpaca ligo de katolikaj studentoj.

Krom diversaj paroladoj pri la temo « Studento kaj Idealismo » ankaŭ Pastro Gremond faris instigparoladon pri la internacia pacmovado inter la katolika studentaro, en kiu li precipe akcelis la idealismon sub la devizo « Katolika agado estas internacia agado ».

La festo finiĝis per prezentado de teatraĵo de la angla verkisto G. K. Chesterton: « La viro kiu estis ĵaŭdo ».

Lundon 9 februaro granda grupo, laŭ invito de la direkcio, vizitis la presejon de la granda katolika gazeto *De Maasbode*, en Roterdamo, kie la direktoro kaj la ĉefredaktoro akcentigis la idealismon de la studentaro rilate la katolika gazetaro.

### Papa donaco por la viktimoj de la Merapi-katastrofo

Ĉiuj niaj legantoj certe jam aŭdis pri la terura katastrofo en Nederlanda Hindujo: la esplodado de la Merapi-vulkano, kiu forigis multajn vilaĝojn de la tersurfaco kaj mortigis aŭ ruinigis la tutan loĝantaron en vasta ĉirkaŭaĵo.

Estis ĝojiga novaĵo por la katolikoj en nia lando, kiam ili jus sciis, ke la Princ-Konsorto de Nederlando, kiel prezidanto de la Merapi-komitato por helpado de la viktimoj, ricevis de Lia Papa Moŝto la sumon de 4.000 guldenoj, ĉar ili vidas en tiu ĉi Papa donaco altŝatata pruvon de Lia granda kaj elkora amo al la Nederlanda katolikaro. Kiel nura kondiĉo Lia Papa Moŝto postulis, ke tiu ĉi sumo devas esti disdonata al ĉiuj viktimoj nerigardante ilian religion.

Ni ankoraŭ povas informi, ke la katastrofo okazis tuj apud Moentilan (Muntilan), kie Nederlandaj Jezuitoj kaj fratulinoj funkciigas gravan kaj prosperan misi-stacion. La diversaj institutoj kaj konstruaĵoj tamen feliĉe restis sendifektaj.

J. H. Westen.

## NOVAĴOJ EL AŬSTRUJO

■ En la arĥiabatejo St. Peter en Salzburg okazis, la 10 februaro, la konferenco de la abatoj de la Benediktanaj monaĥejoj de Aŭstrujo. La konferenco komenciĝis je la 8-a matene per sankta meso, celebrata de la inspektanto, D-ro Simon Landersberger, el Scheyern. Je la 9-a komenciĝis sub prezido de la ambaŭ inspektantoj, Abatoj D-ro Laŭrentius Zeller kaj D-ro Landersberger la kunsido de la abatoj. La novefondita kongregacio estas starigita sub la nomo « Congratio Beatæ Mariæ Virginis ». Kiel unua abato-prezidanto estis elektata la abato de la abatejo Seitenstetten, D-ro Theodor Springer, la unua asistanto la abato de Fiecht, D-ro Johann Lampert kaj la dua asistanto la antaŭ nelonge novelektita abato de Göttweig, D-ro Hartmann Strohsacker. Al la novefondita kongregacio apartenas: St. Peter en Salzburg, Kremsmünster, Michaelbeuern, Fiecht, Lambach, St. Lambrecht, Admont, Melk, St. Paul, Altenburg, Wien-Schotten. La abatejo Seckau ankaŭ estonte restas ĉe la kongregacio de Beuron, la abatejo St. Gallus ĉe Bregenz restos ĉe la svisa kongregacio.

■ Kardinalo Princĉefepiskopo D-ro Piffl en Wien publikigis alvokon je *helpo por la junulaj senlaboruloj,* en kiu li petas la katolikan popolon, per mondonacoj, donaco de tagmezaj manĝoj, disponigo de vestaĵoj kompletigi la nesufiĉan ŝtatan subtenadon en aganta kristana karitato. « Jen helpante interveni fariĝas memkomprenebla kristana devo de ĉiu, kiu en ĉi tiuj malfacilaj tempoj por la propra persono kaj familio estas gardata antaŭ la plej granda zorgo. » La aŭtoritatoj estas invitataj, plej baldaŭ krei institutojn kaj aranĝojn, « kiuj povas helpi al la senlabora junularo, utiligi la liberan tempon per alpropriigo de scioj kaj lertecoj, kiuj al ĝi pli malfrue, esperebie en proksima tempo, povas fariĝi la bazo por laboro kaj ekzistebleco. » Por la efektivigo de la agado fondiĝis aparta eparĥia komitato.

■ La *« For de Romo »-movado* en la postmilita Aŭstrujo estas laŭ la statistikoj multe pli forta ol antaŭ la milito. En la pasinta jaro transiris al Protestantismo entute 4.008 personojn, kontraŭ 3987 en 1929. En la multe pli granda Aŭstrujo antaŭ la milito transiris en la jaroj 1898 ĝis 1914 entute 75.222 personojn al Protestantismo.

Karl Dürschmid.

★

## Germana unuec-religio

Kiel fulmo trafis Bavarujon la parol-malpermeso de la episkopo de Aŭgsburg kontraŭ la nacisocialista katolika parohestro D-ro Haeuser. Lia Episkopa Moŝto per tio metis la fingron sur vundon, kiu minacas veneni nian religian vivon, kaj estas tempo, fine al si klarigi pri la demando : « Kion volas la nacisocialismo koncerne la religion ? »

Bedaŭrinde ne nur en katolika laikaro, sed eĉ en katolika pastraro ankoraŭ ĉiam la tro indulgema opinio estas disvastigata, ke la nacisocialismo volas veki nur la patrolandan penson en nia popolo, kolekti kaj unuigi la patriotojn, por poste fortege batali kontraŭ la Internacio, kiu nian popolon pereigis, por tiamaniere denove elkonduki nian popolon el la politika kaj ekonomia malpotencoj. Jam el ĉi tiu pure politika programo rigardas la ĉevalpiedo.

La nacie pensantoj kaj la de tiuj devenintaj nacisocialistoj jam dekomence de la nacia movado (en jaro 1919) komprenas ja kaj komprenis sub « Internacio » antaŭ ĉio la katolikan Eklezion.

Kompreneble oni neas obstine, sub la « Nigra Internacio » konsideri la katolikojn ; per tio oni volas signifi nur la « Jezuitismon » aŭ maksimume la « Papan politikon », — sammaniere kiel iam la liberalismo pretekstis, neniam kontraŭbatali la katolikojn, sed nur la « Ultramontanismon » kaj la « Kurion ».

Sed ni katolikoj scias ĝin plibone. Ni scias, ke la batalo kontraŭ Romo, resp. kontraŭ la Jezuitismo ne signifas alian ol la batalo kontraŭ la Romkatolika Eklezio, kiun oni volas skui en ĝia fundamento, nome en ĝia videbla Ĉefo kaj senigi de ĝiaj plejbonaj defend-armeoj.

Antaŭ ni kuŝas presita Regensburg' a programo, kiu diras sian opinion pri la maniero, kiel la nacia tasko estas solvebla. Ĉi tiu presita programo devenas el jaro 1921, sed ĝi ankoraŭ hodiaŭ valoras, kvankam ĝi ne estas plu publikata pro facile kompreneblaj kaŭzoj. Laŭ cifero 12 de ĉi tiu programo tekstas : *« Kreado de Germana unuec-religio per kunigo de la katolika kaj protestanta religioj forlasante la orient-judan influon kaj utiligante la german-teŭtonan religion. »*

*Do oni volas naciigi ankaŭ la Eklezion !!*

Jen, al kiu ne estas malfermataj la okuloj ! Ĉu ano de la Romkatolika aŭ ankaŭ de la ortoksa-evangelia Eklezio povas aprobi la kreadon de germana unuec-religio aŭ eĉ subteni, kaj krome utiligante la idolanan-teŭtonan religion ? Ĉu tio ne estas herezo, publika apostatiĝo de la Eklezio, resp. de Kristanismo ?

*Por la vera katoliko en tio ne povas nek devas esti la konvencio !* (Kaj por la ortodoksa protestanto do ankaŭ ne !)

Ĉu vi, kara leganto, nun komprenas, kial oni nacisocifianke tiel ofte kaj tiel prefere refreŝigas kaj festas la pratemp-ĝermanajn solenojn, kutimojn kaj diajojn ?

Tio havas profundan, kontraŭreligian kaŭzon ! Sub patrolanda preteksto oni serĉas precipe enpenetri en la junularon per la teŭton-idolanaj solenoj kaj antikvaj religiaj kutimoj, oni serĉas entuziasmigi la junulojn kaj tiamaniere iom post iom ilin prepari por la transiro al la tiel nomata germana unuec-religio utiligante la teŭtonan, t.e. idolanan religion ! !

Kompreneble oni singardas konigi la veran intencon aŭ eĉ eldiri siajn pensojn. Kontraŭe : por trompi kaj erarigi la katolikan popolparton oni solene certigas, ke oni tute nenion havas kontraŭ la katolika religio, oni vizitas kaj eĉ oficiale okazigas Diservojn, por ŝuti polvon al la gehomoj en la okulojn, kaj oni deklaras kontraŭreligiajn atakojn, kiuj estas kolportataj en la gazetaro, nur kiel elreliĝojn de unuopuloj, pri kiuj la partio ne povas esti responda. Sed kiu la « naci »-movadon kaj la el tio devenintan nacisocialistan movadon dekomence kun malfermaj okuloj kaj klarvide observadis, tiu scias, kia granda danĝero koncerne religion minacas per ĉi tiu movado ne nur al la katolika, sed ankaŭ al la ortodoksa-evangelia konfesio.

Ni ne forgesu, ke la Aŭstrano Hitler al ni venis el la Aŭstra *« For-de-Romo-movado »*, kaj ke ĝis nun ne okazis diro kontraŭ la pretendo, ke Hitler mem estis agema en la Aŭstra « For-de-Romo-movado ! » Kun tio ja tute akordas la kontraŭroma pozicio de multaj gvidantaj nacisocialistoj, por tute silenti pri la fanatikeco de Ludendorff.

Atentu, katolikoj ! Ĝi estas la lupo en ŝaffelo, kiu iras tien kaj tien !

Jos. Lintl.

## NOVAĴOJ EL FRANCUJO

■ Ĉiujare la Socia Unuiĝo de la katolikaj inĝenieroj organizas en Parizo « tagon », en kiu partoprenas la plimulto el ĝiaj anoj kaj ĝiaj konsilantaj pastroj ; tiu ĉi « tago » komencas per meso kaj konsistas el ĝenerala kunveno, festeno, laborkunsido kaj publika demonstrado. Ĉijare la « tago » okazis dimanĉon 1-an de februaro.

Ni nur parolos pri la raporto de la ĝenerala sekretario, kiu sciigis pri la kreskado de la Socia Unuiĝo de la katolikaj inĝenieroj. Tiu ĉi, kiu kalkulis tuj post la milito 1.000 membrojn, nun grupigas 3.400 aliĝintojn, en 36 regionaj sekcioj. Estas tre bela cifero !

■ Kiel ĉiujare la revuo *Les Cahiers Catholiques* (La Katolikaj Kajeroj) organizis Tagojn de religia arto, kiuj okazis de la 1 ĝis 8 februaro en la Hejmo de la parohaj societoj Sankta-Leono, en Parizo. La kristana familio estis la elektita temo por ĉi tiu jaro. Okazis paroladoj, teatraj reprezentoj kaj ekzpozicio de pentraĵoj. La Tagoj de religia arto trafis sukceson.

■ Katolika skoltaro estas kulturejo por pastra inklino. El la Skoltoj de Francujo jam proksimume 600 sin dediĉis je la servo de Dio kaj Eklezio kaj eniris Seminarion por estonte fariĝi pastroj aŭ religiuloj. La Seminario Sankta-Sulpicio de Parizo nun enkalkulas 80 eks-skoltojn. La ideo pri servo je la proksimulo, tiel ŝatata en Skoltismo, pretigas do por la plej granda servo je la proksimulo, kiu estas la presbitera ofico.

■ La frato de Beatulino Bernadeto, Bernardo-Petro Soubirous, la lasta el la familio, mortis en Lourdes, la 3 februaro. Li naskiĝis la 10



S-ro Bernard Soubirous

decembro 1859, post la aperoj, kaj Bernadeto estis lia baptopatrino ; li estis 7-jara, kiam lia fratino eniris la monahinejon Sankta-Ĝildardo en Nevers kaj korespondadis kun ŝi en 1878, kiam li estis je la servo de la episkopo de Lourdes.

La 14 junio 1925, li ĉeestis en la baziliko Sankta-Petro, en Romo, la beatoproklamon de lia fratino.

Msro Gerlier, episkopo de Tarbes kaj Lourdes, prezidis la funebran ceremonion.

■ La organiza movado de la kristanaj mastroj kuraĝige ekkreskas en Francujo. La Franca Kunfederacio de la komercaj, industriaj kaj intelektaj profesioj enskribas multajn novajn aliĝojn. Sekve de propagando de la ĝenerala delegito, S-ro Fourmont, estis fonditaj sekcioj en Sète, Marseille, Toulon, Cannes kaj Nice. Aliaj novaj sekcioj estis lasttempe ankaŭ starigitaj en Melun, Auxerre, Saint-Quentin, Dijon kaj Limoges. En la Norda regiono, sub la influo de la ĝenerala direktoro, Msro Six, baldaŭ fondiĝos grupo de junaj mastroj. Ekzistas jam tia en Reims.

■ Msro Alberto Nègre, ĉefepiskopo de Tours, neatendite mortis la 5 februaro; li estis 78-jara. Li estis festinta la kvindekan datrevenon de lia presbiteriĝo, la 28 oktobro 1928, en sia episkopa preĝejo. Li naskiĝis la 13 februaro 1853, kiel dekunua infano de kristana familio, kiu enkalkulis inter siaj membroj martirigitan pastron dum la Revolucio. Li studis en Romo, kie li trafis doktorecon pri teologio kaj licenciatecon pri eklezia juro. La 20 aprilo 1878, li estis presbiterigita en la papa urbo. Reveninte Francujon, en sian eparhion de Mende, li sinsekve estis eparhia misiisto, profesoro kaj superulo de la Seminario. La 14 julio 1908, li estis elektita episkopo de Tulle, kaj la 5 aŭgusto 1913, ĉefepiskopo de Tours. En liaj du eparhioj Msro Nègre prizorgis speciale la kristanajn lernejojn, la rekrutigon de pastroj kaj la katolikan gazetaron.

■ Okaze de la datreveno de la papa kronigo, okazis, la 12 februaro, en la katedralo de Parizo, dank-ceremonio sub la prezideco de Lia Kardinala Moŝto Verdier, ĉefepiskopo de Parizo. Ĉeestis Msro Maglione nuncio, Lia Episkopaj Moŝtoj de Guébriant, Baudrillard, Le Hunsec, de Beaumont, Crépin kaj multaj prelatoj. S-ro Carré, vic-direktoro de la protokolo, riprezentis la ministron por la Eksterlandaj Aferoj. Multaj parlamentanoj kaj eminentuloj ankaŭ ĉeestis tiun ceremonion honore al Lia Papa Moŝto. Vespere okazis solena akceptado en la nunciejo, kie multaj eminentuloj alportis sian homaĝon al la Papo.

G. O.

## Komunismo en Oriento

**Kiel ĝi disvastiĝas en Sirio kaj Libano**

Ĝis la lasta tempo, nenio aŭdiĝis pri komunismo en Libano nek Sirio. Ĉies alligiteco al religio estis natura digo kontraŭ enveno de tiuj rompaj ideoj. Efektive, kristano, mahometano aŭ eĉ druzo neniel ajn estus forlasinta sian antaŭan kredon, alprenonte novan dogmon, precipe venintan el fremdlando. Cetere, kiu konas tiun regionon, tiu ja scias, ke malmultaj landoj estas tiel fanatikaj kiel Proksim-Oriento. Ĉiu kreda unuiĝo — kaj nur Dio povas scii ilian nombron — konsistigas specialan kaston, kvazaŭ apartan nacion, kiu havas propran leĝojn, statutojn, kutimojn pli malpli strangajn, sume, tutan heredajon, kies forlason ĝi ne povas konsenti.

Tamen, en tiu Oriento, kie ĉio ŝajnas maltimi la jarcentojn, aperis novajo : la rusa komunismo, kiu, jam de la revoluciaj komencoj, provas penetri ĉien ajn kaj ĉiel ajn. Nu, nenia rimedo estis pli facile kaptota ol la jena : utiligi la armenianojn persekutitajn de la turka registaro. Ĉiu senpartia observanto klare konstatas, ke, de ilia transiro en Libanon kaj Sirion, la komunismo ŝajnas tie enkutimiĝi tra tiuj ekzilitoj kompate akceptitaj de la komisiitaj estraroj. Tiuj alkurintoj, tute senigitaj, kies multaj parencoj heroe suferis martirecon, opinias rebonigo la moskvajn dogmojn. Dungite de la sovetoj, ili fervore propagandas iliajn ideojn. Krom la facileco rabadi posedajon de aliaj, komprenante nenion el sia instruajo, preskaŭ ĉiuj disanoncantoj de falsaj dogmoj estas armenianoj ĉu ortodoksaj, ĉu herezaj. Ĉar la katolikoj, firmaj en sia kredo, helpataj de sia pastraro, preskaŭ ĉiam bedaŭras la strangan apostoladon de siaj samlandanoj.

Ĉe tiaj faroj, la komisiitaj estraroj ne prokrastis punegi, kaj facile estis kapti la kulpulojn dum ilia propagando mem. Oni eĉ antaŭagis. Kelkaj malordigantoj decidis manifesti en iaj urboj siriaj aŭ libanaj, dum nokte afiŝante provokojn, kaj al laboristoj disdoni foliojn ribeligajn kontraŭ la burĝaj estraroj kaj malprogresema religio. Rapida kaj prudenta enketo okazigis arestojn kaj elpelojn, plej certan rimedon por konservi al la honestuloj trankvilecon spiritan kaj materian. Krome la estraroj interesiĝantaj pri la paco en Proksim-Oriento, interkonsentis forpeli la malkontentulojn kaj apostolojn de bolŝevismo al la dezertoj de Deir ez Zor, norde de Sirio, apud Eŭfrato. Ĉiuj Moskvemuloj kune vivados, kaj tie povos starigi sian preferan reĝimon en la socio tuj fondota. Al ili oni donos vastajn ekspluateblajn kampojn, kaj, utilaj al si mem, ili estos sendanĝeraj por la aliaj preferintaj restadi en la malnova civito, eĉ neperfekta. Eble ili fondos armenian ŝtaton, prosperan, memstaran, disigan inter la landoj armeniaj kaj turkaj.

Kio pluestos el ilia propagando en Libano kaj Sirio ? Kredeble malmulto, ĉar unue la estraro alprenis ĉiujn necesajn antaŭzorgojn, kaj ankaŭ la loĝantaro unuanime malakceptis la komunismon. Jam tre frue la gazetaro estis denuncinta la danĝeron kaj avertinta la laboristaron kontraŭ la propagando. Fine, ĝenerala opinio estas, ke, fiksante la bolŝevajn armenianojn en norda Sirio, oni faris grandan servon al ili, kiel same al la siriaj kaj libanaj, evitante, ke la malorduloj trairu la landon, oni donas al ili samtempe saĝiĝajn rimedojn kaj vivadan facilecon. (*Gazet-Agentejo « Fides ».*)

## Montru nian gazeton al viaj katolikaj amikoj

## EL HISPANUJO

■ La Katolika kampara sindikato de Yecla-España 12 (Hispanujo) kunvenis la 4 januaro sub prezido de S-ro José Ramón Pérez Forte. Oni elektis ĉefestraron. Dum la jaro 1930 la garantiitaj pruntoj atingis 1.827.258 pesetojn kaj la tuta komerca movado ciferis 2.901.935 pesetojn.

■ La Federacio katolika de terkulturistoj de Guipúzcoa (Hispanujo) festas la XXV-jaron de ĝia ekzisto. Ĝi grupigas 37 sindikatojn kun 5.000 aliĝintaj familioj.

La komerca movado dum la lasta jaro atingis 600.000 pesetojn, cifero malpli alta ol en la antaŭa jaro, ĉar la eksterlanda maizo estis anstataŭita de aliaj diversaj grenoj naciaj, laŭ ordono de la registaro, do, ĝia importado estis malpermesita. Malgraŭ tio, la komerca profito estis kontentiga.

La prezidanto, S-ro Vicente Laffite, rimarkigis la gravecon de la kamparaj industrioj de Guipúzcoa, kiuj ĉiujare produktas iom pli ol cent milionoj da pesetoj.

■ La Kongreso de katolikaj laboristoj estas prokrastita de la registaro *sine die* pro la nunaj nenormalaj cirkonstancoj politikaj.

■ La « Enseñanza Católica » (Katolika Instruado), asocio de geinstruistoj, kies sidejo estas : P. M. Comillas 7, Madrido, kunvenis la 18 januaro, por renovigi la ĉefestraron kaj pritraktis katehisman instruadon.

■ La semajna gazeto *El Universo* ricevas konstantajn gratulojn pro lia projekto, por rememorigi la duan miljaron de la publika vivo de Jesuo-Kristo, publikigante : 1-e « La Bapto de la Savinto en la rivero Jordano », kaj 2-e « Fastoj kaj tentoj de Jesuo-Kristo en la dezerto. »

Francisko M. Rua.

## Katolikismo en la Hudson-golfeto

La apostola prefektejo de la Hudson-golfeto havas aeron de 2.659.177 kvadrataj kilometroj. Ĝia tuta loĝantaro nombras 6.250 homojn, el kiuj 5.000 eskimoj kaj 1.000 Naokopioj, el algonkina raso, en Ungava.

Oni tie kalkulas 220 katolikojn, 1.550 herezulojn kaj 4.480 paganojn. Chesterfield sola kalkulas 122 baptitojn ; la 98 aliaj estas dividitaj inter la kvar aliaj misiejoj. Sume estas 500 katekumenoj.

Tiu prefektejo, komisiita al Oblatoj de Mario-Senpekula kaj regata de Msro Turquetil, enhavas kvin residejojn kun dek presbiteroj.

La progresoj de tiuj prefektejo, kvankam ŝajne negravaj, estas tamen realaj, kaj konsiderante la multnombrajn malhelpaĵojn pro la grandegaj distancoj kaj pro la malvarma klimato, ili estas gravegaj kaj esperplenaj por la estonteco de tiu malfacila misio,

Msro Turquetil projektas fondotajon en Chruchill, ĉe la Hudson-golfeto, finpunkto de la nova fervojo, kiu transiras la Keewatin-regionon. Tie oni povus konstrui hospitalon de la prefektejo. Sendube Churchill estas tute sud-okcidente de la misilando. Sed la starigo de la fervojo estas havigota al tiu loko grandan gravecon por la misiado ĉe la eskimoj de la golfeto.

La vojaĝoj interne de la lando estas tre multekostaj : necese estas certigi salajron al la gvidanto ; duoblan kvanton de manĝaĵoj — kaj la manĝaĵoj jam kostas 88 dolarojn por kuba metro je la alveno en la lando, nur por la transporto — oleon por la kuirado, anstataŭajn vestojn, felojn kaj litsakojn, ankaŭ manĝaĵojn por la hundoj. *(Presagentejo « Fides ».)*

## Kontraŭkatolika persekutado en Litovujo

### Konfiskado de la episkoparaj leteroj

La Litova poŝtdirekcio elsendis sekretan instrukcion nº 8481, laŭ kiu ĉiuj poŝtoficejoj devas konfiski kaj doni al la kriminalpolico la komunan paŝtistan leteron de la Litova episkoparo, enhavantan proteston kontraŭ rompigo de l' konkordato flanke de la registaro. Samtempe devas esti konfiskata letero de la episkopoj al la pastraro, kiu diras ke tiela ago estas kontraŭa al la konstitucio kaj konkordato.

Per alia sekreta kaj pertelegrafa instrukcio nº 159 estas ordonita malfermado kaj konfiskado de ĉiaj korespondajoj de la Katolika Agado kaj katolikaj junularasocioj. Tielmaniere intencas la Litova registaro malebligi informadi la loĝantaron pri la Eklezia persekutado.

La katolikoj ekorganizis siaflanke propran poŝton, persekutatan kompreneble kun granda energio per la registaro. Krome, la katolikoj kreis specialan ekzekutivan fakon, kiu estus oficiale kontraŭaganta ĉian rompigon de la reguloj de la konkordato. Fine estas anoncita bojkoto de la registara kaj porregistara gazetaro.

### Arestado de katolikaj agantoj

Laŭ komunikoj de la Pola Katolika Presagentejo (KAP), la situacio en Litovujo fariĝas pli kaj pli grava. La katolikan loĝantaron, kiun indignigas profunde la Eklezia persekutado, intencas la registaro senigi de iliaj laikaj gvidantoj. La 11 januaro estis arestita la eksministro de la financoj kaj nuna gvidanto de la Katolika Agado, D-ro P. Karvelis. Oni kulpigis lin pro kvazaŭa malpacigo de la publika ordo kaj sendis por tri monatoj al la fama koncentriga tendaro en Wormie. Samtempe kaj pro la sama kulpigo, estas sendita al la sama tendaro por ses monatoj: la ĝenerala sekretario de la katolika unuiĝo de la akademia junularo I. Stampas, kaj la unua gvidanto de la katolika akademia junularo en la universitato de Kaŭnas, J. Meskauskas. Havas ankaŭ lokon proceso kontraŭ kvar pastroj kaj naŭ studentoj katolikaj, kiuj ekprotestis kontraŭ la katolika persekutado.

La koncentriga tendaro en Wormie troviĝas en nealirebla loko, meze de Litovujo, kaj estas fama pro la teruriga kondiĉoj, en kiuj devas vivi la tieaj malliberuloj.

Antoni Troszynski.

*De nia jus elektita korespondanto en Litovujo ni ankaŭ ricevis jenajn informojn:*

De post la 17 decembro 1926 estas en Litovujo militstato kaj severa cenzuro, kiu malpermesas al la katolikaj gazetoj enpresi verajn informojn pri la katolika vivo en Litovujo. Episkopoj, pastroj kaj ĉiuj katolikoj estas pro tio tre malkontentaj.

Komence de februaro 1931, Lia Papa Moŝto Pio XI-a sendis leteron al ĉiuj Litovaj episkopoj kaj katolikoj. La 8 februaro ĉi tiu letero estis laŭtlegita en ĉiuj preĝejoj de Litovujo. En la letero la Papo skribis, ke Litovaj episkopoj juste agadas kaj Li alportos sian apogon en tiu batalo por la rajteco kaj libereco de la katolika Eklezio, precipe ĉar la Katolika Agado ne povas esti konsiderata kiel politika partio kaj havas nenion komunan kun ili.

Kiel finos tiu religia batalo en Litovujo inter la episkoparo kaj la registaro, oni ne povas antaŭscii.

Ig. Jalis.

## Meso por malriĉuloj en Parizo



Ĉiudimanĉe, je la 8 h. 3o, la katolika karitato kunvenigas en la kripton de la baziliko de la Plejsankta-Koro de Jesuo, sur Montmartre, en Parizo, 200 ĝis 300 malriĉajn kaj mizerajn virojn. Pie ili ĉeestas meson, speciale celebratan por ili, kaj atente aŭskultas predikon faritan de la superulo mem de la nacia preĝejo, Kanoniko Karlo Flaus.

Post la Diservo, antaŭ ol ili reiris en la indiferentan kaj lacigan urbegon, tiuj malriĉuloj, kies nomojn kaj devenojn oni ne demandis, ricevas moneron, pan- kaj viandkarton, kiuj forpuŝos almenaŭ dum tiu dimanĉa tago la fantomon de la malsato.

## ĈIEAJ INFORMOJ

■ La preĝalvoko: «Reĝino de la Apostoloj» estas pliriĉigita per indulgenco de 300 tagoj.

■ La hispana registaro lasttempe aljuĝis la grandan krucon de la milita merito kun blanka rubando al Msro Perez Rodriguez, episkopo de Sion, kiu estas samtempe episkopo de la reĝa palaco kaj ordinario ne la militaj kapelanoj.

■ La Papo jus elektis la dekanon de la kanonikaro de Köln, Msron Vogt, episkopo de Aachen, nova eparĥio starigita sekve de la konkordato, antaŭ kelka tempo subskribita inter la Sankta-Seĝo kaj la Germana Ŝtato.

■ La ministro por la Publika Instruado de Turkujo jus demetis leĝprojekton, kiu malpermesos al la turkaj infanoj, frekventi la fremdajn lernejojn, t. e. la kristanajn lernejojn, kie instruas misiistoj. Estas do nova minaco al la katolikaj lernejoj en Turkujo.

■ La duan tagon de la pasinta Kristnasko mortis en la praarbara centro de Afriko, ĉe Molegbe (Belga Kongo), Msro Fulgens Carnonckel, Kapuceno, apostola prefekto de la tiea kapucena misio.

■ D-ro Peterson, profesoro ĉe la Universitato de Bonn (Germanujo), dekano de la teologia fakultato protestanta, lasttempe konvertiĝis al Katolikismo.

■ La Greka juĝantaro lasttempe deklaris, ke la grekritaj katolikoj estas konsiderontaj kiel herezuloj, kaj sekve leĝe punotaj. Tiuj ĉi apelacias de tiu stranga kaj persekuta juĝo al la Aeropago.

■ Lia Moŝto D-ro Duhig, ĉefepiskopo de Brisbane, Aŭstralio, festis lian dudekkvinan jaron kiel episkopo. Li naskiĝis apud Broadford, Co. Limerick, Irlando, en la jaro 1871.

■ La du konvertiĝintaj jakobaj episkopoj, Ĉefepiskopo Mar Ivanios kaj Episkopo Mar Teofiles, kun Lia Episkopa Moŝto, D-ro Chulaparambil, kompreneble ĉeestos la Internacian Eŭkaristian Kongreson en Dublino, en 1932.

■ Rilate al malgranda artikolo, kiu aperis en *Espero Katolika* antaŭ kelke da tempo, pri la nova preĝejo ĉe Lough Derg, la insulo, kiun oni nomis la Purgatorio de Sankta-Patriko. Nur la enirejo de tiu ĉi preĝejo restas sur la insulo, la preĝejo mem estas konstruita sur kolonoj en la lago, ĉar la insulo estas tiel malgranda ke ĝi ne povas enteni preĝejon sufiĉe grandan por 1.000 pilgrimantoj.

■ Okaze de reskripto de la imperiestro Meiji pri la edukado, la lernantaro de Osaka (Japanujo) lasttempe festis la fundamentan akton pri la instruado, publikigitan antaŭ kvar jaroj de la Mikado. Tiuokaze la prefekto de Osaka disdonis ordenon al tridekon de personoj, el kiuj Pastro Coutrat, profesoro ĉe la komerca lernejo urba, kaj Fratulino Bernardino, superulino de la porjunulina liceo de Osaka. (*Fides*)

■ En Dakar (Senegalo) proksimume 400 geknaboj frekventas la katolikajn lernejojn. (*Fides*).

■ La reĝo de Belgujo jus donis la Kavaliran Krucon de la Kron-Ordeno al Pastro de Jonghe d'Ardoye, el la Societo por Fremdlandaj Misioj de Parizo, ĝenerala direktoro de la Ĥina Katolika Junularo en Belgujo. (*Fides*).

■ La guberniestro de Romo intencas nomi novajn stratojn en la Eterna Urbo laŭ nomoj de fame konataj Papoj.

*ĈE NIAJ DISIGAJ FRATOJ*

## Nova skismo en alia

Nova dispartigo lasttempe okazis en la skisma Eklezio de Rusujo. La grava parto de la praslava episkoparo, kiu grupigis ĉe la metropolito Eŭlogio, en Parizo, la rusajn kredantojn enmigrintajn en Okcidentan Eŭropon, rompis la lastan ligilon, kiu ligis ĝin al la nuna patriarko en Moskvo, Metropolito Serĝio, posteulo de Patriarko Tiĥon.

Metropolito Serĝio, kies spirita libereco estas duba en la Sovet-Rusujo, estis, lastan printempon, eksigintan la metropoliton de Parizo, pretekstante ke li estas kontraŭulo de la Sovetoj. Sed la episkopoj de la okcidenta enmigrado, kun enintaj en koncilio, devigis Metropoliton Eŭlogion, gardi lian oficon kaj ili malakceptis la posteulon definitan de Patriarko Serĝio.

Ĉi tiu proponis kompromison al Metropolito Eŭlogio, se li konsentis, malkonfesi la protestojn de li faritajn en Londono kontraŭ la religia persekutado en Rusujo kaj se li deklaris tutan lojalecon al la soveta registaro. Samtempe li komisiis la Litovan metropoliton Eleŭterion, iri Parizon por pace finaranĝi la aferon.

La kunvenantaro episkopa petis Metropoliton Eleŭterion, resti hejme kaj decidis, rompi ĉiujn ligilojn kun la patriarko, kiu verŝajne estas tiel kontrolata de la Sovetoj, ke oni povas eĉ dubi pri la aŭtentikecon de lia dokumento.

La episkopa kunvenantaro de la enmigrado, akceptante kiel ĉefulo Metropoliton Eŭlogion, decidis sin deklari sendependa. Sed, restante en komunio kun la praslava Eklezio, ĝi sin metas sub la aŭtoritato de la patriarko de Konstantinopolo, atendante la tagon, kiam la religia libereco estos restarigita en Rusujo.

Pro la suferoj, al kiu ilia kristana kredo elmetis ilin, niaj disigitaj fratoj meritus, sin trovi en amina stato, kiu facilus la reunuiĝon de ĉiuj ŝafoj sub la bastono de unu paŝtisto. Bondeziru ni al ili tiucelan lumon.

## La katolika gazetaro en Japanujo

La *Catholic Times*, estas certe la gazeto, kiu trafas la plej grandan sukceson, el ĉiuj katolikaj periodikoj en Japanujo. La Centra Asocio de la Katolika Gazetaro de la eparĥio de Tokio jus aĉetis ĝin. Kaj nun ĝi ne plu titoliĝos anglalingve sed japanlingve: *Nippon Shinbun*.

La popola revuo monata *Koe*, redaktata de Pastro Lemoine, el la Societo por fremdlandaj misioj de Parizo, kaj de japana Pastro Iwashita, kalkulas nun pli ol 3.000 abonantojn.

Alia monata revuo, la *Katorik* eliras po 1.300 ekzempleroj. Tiu ĉi revuo estas sciencetendenca kaj sendita al bibliotekoj, universitatoj kaj superaj lernejoj; ĝi estas tre ŝatata.

Ekzistas ankaŭ aliaj periodikaj folietoj, ekzemple la *Kohitsuji* kaj la *Komyo*, redaktitaj la unua de Hispanaj Dominikanoj kaj la dua de Germanaj Franciskanoj. *(Agentejo "Fides.".)*

*Kun la permeso de la eklezia aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71